Año XIII N.° 5 (129) SEPTIEMBRE-OCTUBRE 1961

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



**Valladolid.—La Universitato kaj la Katedralo.**

*La venonta Kongresurbo prezentas belajn monumentojn kaj senkomparajn artaĵojn. La tuta urbo estas vera muzeo de pasintaj tempoj kiuj skribis sur fasadoj kaj muroj sian gloran historion.*

**BOLETIN**

**DE LA**

**FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

**Redaktoro: S-ro Angel Pérez Saura**

**Kotizoj de la Federacio por ricevi BOLETIN**
**Membro abonanto: 60 pesetojn, jare.**
**Membro subtenanto: 120 pesetojn jare.**
**Ĉi tiuj membroj ricevas du ekzemplerojn se ili tion deziras.**
**Eksterlandaj abonoj: Minimume, 60 pesetojn jare.**
**Kolektivaj membroj: 6 pesetojn jare.**
**La grupo ricevas po unu ekzemplero por ĉiu deko de tiuj membroj.**

**Korespondaj anoncetoj: 10 pesetojn aŭ du respondkuponojn ĉiu 20 vortoj aŭ frakcio.**
**Pri aliaj anoncoj, bonvolu peti informojn.**

Antaŭ ol sendi leteron rimarku ke:

Oficialaj aferoj devas esti adresitaj al:
**Federación Española de Esperanto**
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

Originalojn, solvojn de enigmoj, snjestojn por **Boletín**, k. t. p., adresu al:
S-ro Angel Pérez Saura **(por Boletín)**
Str. V. Sancho-Tello, 24, b. d., Valencia (Hispan.)

Monsendojn adresu nepre al:
S-ro Ernesto Guillem Tarín
Str. Marqués de Caro, 6, Valencia (Hispanujo)

(Klarigante la destino de la sendita mono: por HEF, por **Libroservo**, por **Boletín**, por io alia).

Kaj sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro Salvador Aragay (HEF-informoficejo)
Str. Arce, 8, 2.°, 4.ª, Cornellá (Barcelona) (Hisp.)
Tiamaniere vi helpas al la POŜTOFICEJOJ, al ni, kaj al vi mem.

*PETO.—Ni bezonas koni ekzakte kaj akurate kiujn radiostaciojn dissendas programojn en kaj pri Esperanto, en nia lando. Do, bonvolu sciigi tuj al ni la nomon de la radiostacio, hortabelon, daŭron de la programo kaj longondon. Ni deziras publikigi tion plej komplete kaj ĝisdate.*

**VARBU HEF-ANOJN!**

# HEF - INFORMOFICEJO

Per nia antaŭa Bulteno ni sciigis al vi la fondiĝon de nova organizo nomata HEF-Informoficejo. Samtempe, ni petis al la E-grupoj kaj volontuloj ilian helpon, t.e: sendi al ni ĉion interesan pri nia E-laboro.

Fakte, ekzistas multaj E-aferoj; ekzemple: Radio, prelegoj, eldonado de buĝetoj, afiŝoj, paroladoj, kursoj, artikoloj, ktp. Pro tio, kvankam iuj volontuloj dezirus kunlabori kun ni, ili ne scias kiel ekagi. Komprenante vian problemon, sekve, ni klarigas al vi la plej interesajn kaj urĝajn por nia Informoficejo, ĉijare.

Regule aperas granda nombro de artikoloj pri Esperanto, sed bedaŭrinde, ĝis nun, ni ricevis preskaŭ nenion; tiel, do, ni petas sendi nur almenaŭ la detalojn pri la artikoloj, nome: nomo de la verkisto, ĵurnalo kaj urbo, kaj dato de la aperado.

Pri la paroladoj, nur ni deziras scii: nomon de la parolinto, nombron de partoprenintoj kaj daton. Ni klarigas ke la paroladoj bezonas pritrakti Esperanton kaj ne aliajn aferojn; samtempe, la oratoro devas paroli per nacia aŭ regiona lingvoj; ne per Esperanto. Tiujn detalojn ni deziras scii por valorigi la atenton kaj intereson kiun meritas Esperanto ĉe la neesperantistaj medioj.

La celo de nia Informoficejo estas kolekti ĉiujn utilajn materialojn por nia statistiko kaj informado al U. E. A., Heroldo, nia Bulteno kaj aliaj esperantaj organizoj.

Ĉiuj informoj, ricevitaj de ni, aperos en nia Bulteno kaj aliaj internaciaj revuoj; tamen, se iu samideano preferas ke siaj informoj aperos en speciala revuo, bonvolu indiki ĝin; ni, tre volonte, komplezos lin.

Por plej efike kunlabori, ni sugestas al ĉiuj E-societoj, delegi inter la respektivaj anoj, personojn kiuj nur okupiĝos pri informado. Laŭ nia opinio, tio estos la plej taŭga solvo.

S. Aragay

# En la tago de Zamenhof

Kiam Decembro alvenas ni ne povas eviti ke la esenco de nia esperantismo: homaranismo, rememoro al la Majstro kaj al ĉiuj kiuj sindoneme strebis pro nia komuna idealo, densiĝu kaj frapu pli forte sur nian koron. Ni konscias pli profunde pri la graveco de nia lingva ideo kaj ni taksas pli ĝuste la honoron kiu trafis nin partopreninte la movadon.

Efektive, niaj filoj aŭ niaj nepoj, okaze de la definitiva triumfo de Esperanto, fieros ,plenrajte, pri ni. Ĉar, meze de ĝenerala indiferenteco, strebante obstine kaj senlace, ni servis altan kaj moralan celon.

De Zamenhoj ĝis la lasta malaperinta pioniro de Esperanto, ni povas prezenti al la homaro imponan honorliston de oferemuloj, bonvoluloj kaj, eĉ, martiroj. Neniu el ili postulis premion; eĉ, ne honoron.

Tamen, ĉidate, ni ne povas marĉandi al ili la sternadon de nia plej sentema fibro, nek la laŭrokronon de nia dankemo.

Ni fariĝu dignaj de ili kaj ni tenu bone la flamon de nia plej konscia kaj konstrua entuziasmo, favore de nia lingva ideo!

Esperanto estas ombriga kaj fruktodona arbo; sed, ni ne devas forgesi ke ĝiaj radikoj konsistas el la strebado kaj laboro de miloj kaj miloj de idealistoj kiuj oferis ĉion sciante ke ili ne rikoltus profiton.

Honoron kaj gloron al Zamenhof kaj al ili! Ke ilia memoro estu ĉiam en nia koro!

## BONDEZIROJN!

*Kristnasko estas la festo de la familia sento. Ni, esperantistoj, konsistigas veran, moralan familion kaj, pro tio, nia liga sento spertas streĉon okaze de la festo de la homa komprenemo kaj toleremo.*

*Tial, la Estraro de Hispana Esperanto-Federacio deziras esprimi, per ĉi tiuj linioj, siajn bondezirojn, ne nur por siaj membroj, sed, ankaŭ por ĉiuj samideanoj en Hispanujo por ĉiuj legantoj de Bulteno en la tuta mondo. Kaj, samtempe, ĝi bondeziras, ankaŭ, okaze de la Nova Jaro 1962, kiun ni deziras favora al ĉiuj.*

LA PREZIDANTO DE HEF

# NIA XXIII^A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**VALLADOLID 25 - 27 JULIO 1962**

**ORGANIZA KOMITATO: Ruiz Hernández, 12, 1.°**
**SEKRETARIEJO: Montero Calvo, 12, 3.°**

Post la belaj strandoj kaj la allogaj marbordoj, en pasintaj kongresoj, malnovaj monumentoj, elvokigaj kvartaloj, historiaj kasteloj, en la rememorplena Kastilio, atendas vin. Tordesillas, Simancas, la kastelo de la Mota, kaj Valladolid, mem, estas allogaĵoj kiujn vi devas koni kaj kiujn vi ne plu forgesos.

Kalkulu, do, jam de nun, pri la tempo kaj pri la mono. La dato estas la plej libera por plejparto de samideanoj. Neniu devas marĉandi sian ĉeeston. Valladolid devas esti kaj estos, tutcerte, brila kongreso, kiel ĝiaj antaŭantoj. Vi ne devas perdi ĝin. Aliĝu tuj kiam vi havos vian aliĝilon!

Ni kuraĝigas la samideanojn el regionoj pli dense esperantigataj: Katalunio, Baskonio, Asturio, Galegio, Aragono, Madrido, Valencio, k. t. p., por ke ili organizu karavanojn kiuj, pli favore, povas veturigi la kongresanojn, kaj, samtempe, plidensigi la kongresan etoson.

Ni multe esperas de la sukceso de la kongreso, sed, por ke ĝi realiĝu, ni esperas ke vi partoprenu, vigligu kaj pligravigu ĝin. Ne lasu ke aliaj faru la taskon; faru ĝin vi mem, kaj pensu ke vi estas necesa en ĉiuj ĉefaj esperantistaj aranĝoj; nacia kongreso estas tia kaj vi ne devus etigi ĝin.

Ne nur la ĉeesto estas necesa; ĉiu devas alporti sugestojn, ideojn kaj proponojn por ke la kongreso estu fruktodona. Kompreneble, la amikeca kaj familia etoso de la kongreso sufiĉus por altiri ĉiujn, sed tio ne estas ĉio; ĉiu kongreso devas alporti sian kontribuon al la pliboniqo kaj al la antaŭenigo de nia movado: plia ŝtupo en la ascenda irado de nia organizo por pli bona kaj prefekta vivado sur nia mondo, per nia lingva solvo.

Do, ree, ni kuraĝas montri al vi la vojon: Al Valladolid!

La Organiza Komitato laboras senlace por prepari ĉiujn aranĝojn, kaj la ĉefaj Aŭtoritatuloj akceptis tre favore kaj ĝentile la komisionon kiu vizitis ilin; la etoso, do, estas tre optimisma pri la sukceso de la kongreso.

En la venonta numero de Bulteno ĉiuj ricevos la aliĝilon, per kiu oni povos esti informita pri la kondiĉoj. Eble, ankaŭ provizoran programon.

Belaj, allogaj poŝtkartoj atendas vian mendon; ili estas tre okulfrapaj. La prezo estas 1'50 ptjn. Ni ne povas rabati pogrande ĉar la kosto estas pli alta ol la enspezo; se ni rabatus, ni perdus la diferencon.

## DEZIRAS KORESPONDI

— kun gesamideanoj 20 ĝis 35-jaraĝaj kiuj emas poŝtmarkojn, artojn, muzikon kaj fotografion. Maurice Allemane. 42 rue Répond, BORDEAUX (Gde) (Francia).

— pri ĉiuj temoj. 18 jara s-no Georg At. Stojanov. VAZOVGRAD. str. Insperich 8 (Bulgaria).

— kun gelernantoj el Hispanujo, 17 jara lernanto el Maroko. Rinnent Haler Youssef. Immeuble chez Kaoui n.º 16. Place du Marché. SALÉ (Marruecos).

— precipe kun popollernejaj instruistoj, 25 jara instruisto. S-ro Kazuja Iŝikauŭa. Futasegaŭa, Kakegaŭa-ŝi. Sizuoka-ken (Japón).

— kun hispanaj gesamideanoj, tridekjara elektroteknikisto, interesita pri muziko, alpinismo, folkloro, lingvistiko kaj sociaj problemoj. S-ro Acuŝi Hoŝida. Yamate 4-35. TOMAKOMAI, Hokkaidô (Japón).

— kun gehispanoj, tridekjara papermaŝinisto; interesiĝas pri fotografado (precipe pri sociaj temoj) klasika muziko, S-ro Takaaki Umeki, Yamate 4-35. TOMAKOMAI. Hokkaidô (Japón).

Juna instruistino deziras korespondi kun gesamideanoj. F-ino E. Martínez. Teniente Monzonís, 4. Castellón (Hispanio).

# DU HORLOĜOJ

(Soneto)



Per ĝusta ordo, skande, kaj kun tiktaka ritmo.
La horloĝ' meĥanike kalkulas eĉ ĝi datas
De tempo flugiradon, kaj dum tiktako batas,
La homviv' nepre certa, foriras al la limo.

Mirinda horloĝeto, tre kara en estimo,
Ha!, estas la homa kor', ĝi ankaŭ tikte taktas,
Sed tamen nin deprimas, ĉar rapidas aŭ lantas
Kun tremoj kiuj kreas dubojn en la animo.

Mezuras ambaŭ por ni : ĉu horojn de plezuro?,
Ĉu trista, gaja, vivo, nur estas aventuro?,
Jes, venas ĝoj' sed ankaŭ la malfeliĉ mistera!

Ho mia kor —horloĝo! Evitu ke doloroj
Ĝenu al mi, mi petas! Funkciu vi, sincera!
Almenaŭ ke mi fore restu de la angoroj!

M. de Elezcano
(Bilbao)



*La apuda bildo montras samideaninon Máñez prezentante la kukon per kiu ŝi kaj ŝia edzo regalis Dr-on Herrero, laŭ sciigo sur nia kroniko.*

*Tio kion oni ne vidas estas la emocion kaj la dankemon de gesam-oj Máñez; ankaŭ ne la spiriton de solidareco de ĉiuj samideanoj kiam unu el ili bezonas helpon de la aliaj.*

*Tiu sento, tamen, ekzistas ĉie kie regas la Zamenhofa spirito kiam doloro, bezono aŭ malfeliĉo trafas iun.*

*Ni povus fieri pri miloj kaj miloj da tiuj ekzemploj kiuj pruvas ke la familia sento inter samideanoj estas io reala kaj ofta.*



VALENCIO.—Dum la lastaj kursoj en la Universitato, elstaris, kiel lerta lernanto, nia kara samideano Moŝta Kolonelo de la Aerarmeo, Sr.º Julio Meléndez Machado, estro de la aviadilejo Manises. Spite de lia matura aĝo, li miksiĝis inter la junaj gelernantoj, kiuj multe estimas lin. Pro baldaŭa emeritiĝo li devas translokiĝi al Madrido, kaj, tial, li invitis, adiaŭe, siajn instruistojn, Sr.º Vizcaíno kaj Tudela, nian Prezidanton, Dr.º Herrero, kaj dekon da kunlernantinoj, en la restoracio de la aviadilejo kiun li estris ĝis nun.

Post la adiaŭa manĝo, ĉiuj esprimis la bedaŭron pro lia foriro, kaj li promesis daŭrigi, en Madrido, sian agadon pro Esperanto.

Tiel estu, kaj ni deziras al li, en lia nova stato, la bezonatan trankvilon por ke li povu plenumi niajn bondezirojn.

LA KURSOJ.—Kiel dum pasintaj jaroj, funkcias denove, en la Universitato, la kurso de Esperanto, en la kadro de la Poridioma Instituto. Sam.º R. Vizcaíno, la simpatia kaj kapabla esperantisto, kiun konas ĉiuj hispanaj samideanoj, gvidas du kursojn : la elementan kaj la superan.

En la Lerneja Grupo «Cervantes», kaj, kun la aprobo de la Moŝta Urbestro de Valencio, Dr.º Rincón de Arellano, ankaŭ funkcias kurso, kiun gvidas sam.º R. Herrero, kiu instruas dudek ses lernantojn, kiuj bone progresas.

Eble, en baldaŭa estonteco, ekfunkcios kurso por instruistoj en la Porinstruista Lernejo. Tiu estas la ĉefa celo de niaj penoj, ĉar ĉiuj konscias ke la instruistoj estas la «ŝlosilo» de nia sukceso.

En «Educación y Descanso», ankaŭ funkcias kurso de Esperanto, tre vigle gvidata de nia sam.º V. Martí. Ni multe esperas de la kapablo de nia instruisto kaj de la fervoro de la multenombraj lernantoj.

VIZITANTOJ.—Kvankam Valencio ne estas urbo tre vizitata de turistoj, ni estis bonŝancaj, ĉar, lastatempe, vizitis nin sam.º Jack Hawks, el Perth (Aŭstralio), sam.º Sonderegger, el Zürich, kaj Tori-Hara, el Miyazaki (Japanujo).

Sam.º Hawks interesigis la lernantojn de la Universitato per trafa priskribo de la insulego kie li loĝas, kaj, per cento da lumbildoj li kaptis la atenton de ĉiuj.

Sam.º Sonderegger, nia svisa amiko, rakontis al ni, tre verve, siajn travivaĵojn dum tre interesa veturado en malfacile viziteblajn landojn.

Sam.º Tori-Hara, la juna, simpatia kaj elstara pentristo, restis kun ni dum preskaŭ semajno. Li multe ŝatis nian medion kaj ni multe plezuriĝis akompanante lin ĉien, en Valencio kaj en la ĉirkaŭaĵojn. Tre interesite, li vizitis Cheste, kaj li miris pri la esperantista denseco kaj kapableco de la tiea loĝantaro, kiu ne forgesos lian viziton. En Valencio, li vizitis la muzeojn, artajn akademiojn kaj elstaraĵojn. Li prelegis du fojojn antaŭ la kursanoj en la Universitato, pri sia lando, kutimoj kaj vivo. Li respondis tre kontentige al la demandoj de la aŭdantaro, kaj la intereso estis tia ke li devis ripeti sian viziton sekvantan tagon, por kontentigi ĉiujn. Li elmontris, ankaŭ, kelkajn el siaj pentraĵoj, pri japanaj temoj, kiuj multe plezurigis ĉiujn.

Novembro, do, estis tre favora monato por la esperantista vivo en Valencio.

SOLENAJO.—Lastatempe, la valencia rondo estas tre ofte frekventata de juna, simpatia, nova samideano. Temas pri Frato Lukas del Valle, el la dominikana ordeno, kiu, tre avide, konsultas, demandas kaj enketas pri Esperanto. Pasintan 17n de novembro li faris, solene, la definitivajn promesojn. Multaj rondanoj ĉeestis la ceremonion kaj ĉiuj samideanoj deziras al li, ĉiokaze : feliĉon, sukceson kaj, ankaŭ, trafon en la poresperanta laboro.

MALGOJO-GOJO.—Nia lasta numero de «Bulteno» estis jam en la presejo kiam okazis malagrabla afero kiun ni ne povis

sciigi al nia legantaro. Nia kara samideano Francisko Mañez, tiel estimata de la tuta hispana samideanaro, grave malsaniĝis, kaj devis esti urĝe operaciita en Valencio, ĉar tiam li ne estis en Zaragozo, lia loĝurbo. Feliĉe, la operacio sukcesis, kaj, post kelkaj semajnoj, nia kara Máñez povis reiri al Zaragoza, post ripoziga tempero en Cheste. La valencia samideanaro interesiĝis pri li dum la operacia periodo kaj vizitadis lin. Tial, dankoplene, sam.o Máñez, post resaniĝo, donacis al Dr.o Herrero imponan kukegon, kovritan de kvinpinta verda stelo kaj la surskribo : «Koran dankon !»

Ni gratulas sam.on Máñez pro la resaniĝo, kaj ni deziras al li kaj al lia simpatia edzino, Victoriana Bueno, ĉion bonan! (La kuko estis bongustega!)

**Esperantista eminentulo, honorata**

*La hispana esperantistaro ĝojas.* Nia eminentulo, Prof.o M. Sancho Izquierdo eks-Rektoro de la Universitato de Zaragoza kaj proponata Vic-Prezidanto de nia Federacio, ĵus ricevis elstaran honoron, de la franca Registaro. En la Universitato de Montpellier, en kadro de solena majesteco, li ricevis, la 3an de novembro, la titolon «Honoris causa», pro la konstanta peno kaj laboro por la kunlaborado de la universitatoj de Zaragoza kaj Montpellier. Pro la samaj kialoj, eble li jam estas ricevinta la samajn honorojn en la Universitato de Bordeaux.

Tiuj novaĵoj estas, por ni, duoble kontentigaj ; pro nia elstara samideano, kiu, plenmerite, estas premiita, kaj, respegule, pro ni mem, ĉar ni nin konsideras honorataj de la honorigo al nia eminenta samideano.

Hispana Esperanto-Federacio gratulas lin tre kore, kaj, ĉimotive, esprimas al li sian simpation.

ESPERANTO PARTOPRENAS MONDOKAZAĴON.—En Barcelono, antaŭ mallonge, oni prezentis en la Teatro Liceo la nefinitan operon de la fama hispana komponisto Falla, kompletigita de lia disciplo Haffter, «La Atlantido», laŭ la grandioza samnoma epopeo de Hiacinto Verdaguer. La premiero estis varme aplaudata, kaj la sukceso estis ega. Tiuokaze, en la salonoj de Liceo oni prezentis ekspozicion de manskribaĵoj de Verdaguer kaj tradukojn de liaj verkoj, en diversajn lingvojn, inter ili, ankaŭ en Esperanton ; tion raportis la gazetaro, kun granda eĥo en la kvin kontinentojn.

«LAS FALLAS» EN NEDERLANDO.—Nia kara samideano Jean Pelletier, el Saint-Jean-de-Luz (Francujo), tiel konata de la hispana samideanaro pro liaj oftaj vizitoj en nian landon, trafis ŝatindan premion en la kurso de sam.o Delaire, en Orléans : vojaĝon en Nederlandon. Li partoprenis la renkontiĝon en Krommenie, okaze de la tabuligo de strato per la nomo de Dr.o Zamenhof, kaj li trovis okazon por prelegi. La temo estis : «Las Fallas de Valencia», festo de arto kaj fajro».

Ni gratulas lin pro la bonŝanco kaj ni dankas lin pro la afabla rememoro kaj disvastigo de nia festo de flamo kaj bruo.

**Moyá**

*Prelego pri la urbo de nia antaŭa nacia Kongreso de Esperanto.*—La 3an de oktobro okazis en la publika Biblioteko de la loka Spara Kaso, prelego pri la insulo Mallorca. Prezentis ĝin s-no Ramon MOLERA kaj multenombra publiko entuziasme admiris la 60 diapozitivojn pri la paradiza insulo.

La kunveno estis oficiala malfermo de la du kursoj de la internacia lingvo kiuj tre sukcese kaj kiel ĉiujare okazas en la vilaĝo. Al tiu por junuloj partoprenas 15 kaj al tiu por knabinoj, 12.

*«De la nebuloj de Nederlando ĝis la suno de Rusiljono».*—La 23-an de novembro, vespere, en la jam indikita biblioteko okazis ankaŭ tre solena kunsido. S-no René LLECH-Walter el Perpignan (Francujo),

Fino sur paĝo 391)




**SELAJANG PANDANG BAHASA ESPERANTO,** de Liem Tjong Hie.—Havebla kontraŭ 4 rpk + 1 rpk por sendkostoj ĉe la aŭtoro Liem Tjong Hie. Dj. Gadjaa Mada, 60 SEMARANG (Indonesia).

Vere ni ne povas recenzi ĉi tiun libreton alveninta de tiel malproksima lando ĉar ni ne konas la indoneizan lingvon kaj ankaŭ ni ne trovis alian samideanon kapabla koni ĝin. Tamen, ni ne povas ne mencii tiun libreton ĉar ĝi enhavas grandan intereson por montri la disvastiĝon de Esperanto tra la mondo.

La afrikaj kaj aziaj popoloj komencas soni inter la kultur-movadoj en la mondo kaj ili ne povas resti for de la Esperanto-movado. La ricevo de ĉi tiu libro konfirmas tiujn vortojn, kaj montras la universalecon de Esperanto. Ni deziras grandan sukceson al la nova indonezia lernolibro de Esperanto.

A, P. S.

---

**UNUA OFICIALA BULTENO** de la 47-a UEA-Kongreso en Kopenhago.

Okpaĝa informilo sur kies bonega papero aperas: Alvoko de la dana ĉefministro Viggo Kampmann, protektanto de la kongreso. Elrigardoj en Danlando. Provizora programo. Ĝeneralaj informoj, listo de oficialaj perantoj kaj kongreskotizoj, kaj multaj fotoj. La informilo estas alloga kaj tre bele prezentata.

A. P. S.

---

**REEĤOJ.**—Jugoslavia poemaro.—Stafeto.—Beletraj kajeroj, 8.—Eldonisto: J. Régulo, La Laguna, Tenerife (Kanariaj Insuloj , 1961.—112 paĝoj.—Prezo: 1 usona dolaro.

Post prologo de Marinko Givoje kaj enkonduko de Marjorie Boulton, sekvas altranga versaro de modernaj jugoslavaj poetoj.

La ŝaŭmanta vigleco de la jugoslavia samideanaro ne povis ekzisti sen prezento de tiu bunta bukedo de unuarangaj poeziaĵoj. Apud Vanĉik kaj Velebit —vibrantaj poetoj— rangas aliaj, junaj kaj sukaj, kiuj regalas la leganton per kolekto de belaj versaroj. Malmutaj neologismoj atestas pri la saĝeco de la sudorientaj poetoj, kiuj pruvas ke en la vico de «normaluloj» oni povas poeziigi ĉiujn nuancojn de la plej inspirataj pensoj kaj sentoj. Ni reportas la belan versaron de Franjo Homar, kiu atestas pri tiu perfekteco en la simpleco.

De l'lingvaj aroj estis hom' kreinto
kaj uzis ilin, li, jam fruepoke ;
nun, ŝanĝ okazis - lingvolabirinto
la novan homon premas tede, moke !

Por ĉiu hom' en ajna teroparto,
ĉu solvivanto, ĉu en socirondo,
parola povo estas sama arto :
homar' ja unu sur la tuta mondo !

Por sama aĵo nur diversa vorto,
pro sama ĝojo, ĉie sama sento.
Al multlingveco venas jam la morto ;
racion serĉas nun la homa gento !

Kaj, karaj fratoj de la verda stelo,
en marŝ' triumfa kaj kun venka kanto :
Babelon foren ! Nun estiĝu helo ;
al hom' sufiĉas, sole, Esperanto !

Recenzis : ROHO.

---

# FALDBROŜURO PRI MALMÖ

## Nova eldono en Esperanto

La ĝisnuna faldbroŝuro pri *Malmö*, Svedujo, en Esperanto, elĉerpiĝis, kaj novan eldonon pretigis ***Malmö Turisttrafikjörening, Malmö, Svedujo.*** La nova broŝuro estas nuntempe ***senkoste*** havebla, se vi skribas rekte al la nomita asocio (skribu en Esp. kaj nepre menciu vian deziron pri broŝuro en Esperanto).

# KVITANCO

— Cirkulero el la E-Grupo de Bilbao, kun la nova estraro, kaj sciigoj pri instalado de telefono en la sidejo de la grupo; pri ekaranĝo de vojaĝo al Valladolid, k. t. p.

— Folieto katalune kaj esperante verkita okaze de la forpaso de S-no Angel Llovet y Cornet. (Vidu nian antaŭan numeron).

— Eltranĉaĵo el gazeto «España Semanal» (16-7-61) kun artikolo kaj foto pri Madrida Esperanta Klubo. Sendis: M. E. K.

— Eltranĉaĵo de ĵurnalo «Madrid» (24-7-61) kun artikolo pri Esperanto. Sendis: M. E. K.

— Revuo «Ecclesia» (16-9-61) kun artikolo kiun ni represis sur alia paĝo de *Boletín*. Sendis: S-ro Guzmán, el Valencia.

— Ĵurnalo «Jornada» el Valencio (28-9-61) kun intervjuo al Kolonelo Julio Meléndez estro de la valencia flughaveno kaj nova membro de nia Federacio, kie estas tre favore menciata Esperanto. Sendis: P. Sempere.

— «Boletin de Carbones La Nueva« (9-61) kun daŭrigo de pro-esperanta artikoleto de la sendinto S-no Sacramento Collado.

— «Sabadell» (12-9-61) kun traduko de la alvoko de svisa patro Flammer publikita sur paĝoj de antaŭa *Boletín*.

— Eltranĉajo de ĵurnalo «Nueva España» el Tánger kun noteto pri la revivigo de la Madrida E-Klubo. Sendis: Pedro Naranjo, el Jerez.

—Eltranĉaĵo el la ĵurnalo «El Norte de Castilla», de Valladolid (16-XI-61), sur kiu ni legas intervjuon de ĵurnalisto kun la Organiza Komitato de la venonta kongreso, kaj raporton pri la antaŭkongresaj preparoj, vizito al la Urbestro, k. t. p. Gin sendis sam° M. Cantalapiedra.

—Eltranĉaĵo el «Diario Regional» de Valladolid (15-XI).

—Eltranĉaĵo el «Norte de Castilla», de Valladolid (15-XI) ; ambaŭ, pri la sama afero, senditaj ankaŭ de sam° Cantalapiedra.

—Eltranĉaĵo el ĵurnalo «España Semanal» kun artikolo pri Madrida E-Klubo kaj fotoj de revuo Esperanto, kaj lernantoj de la nova kurso. sendis M. E. K.

—Eltranĉaĵo de ĵurnalo «Alerta», el Santander, kun artikolo pri la loka grupo kaj foto de lernantoj de nova kurso. Sendis : La Grupo.

—Revuo «Coopération», kun artikolo en franca lingvo de Edmond Privat, pri Esperanto : Sendis : Pérez Callejón, membro de HEF nun laborante en Svisujo.

—Tri slipoj kun resumoj de artikoloj aperintaj en revuo «Estrella de Mar» (aprilo 1960), revuo «Mundo Escolar» (Julio-Aŭg. 1961) kaj revuo «La Actualidad Española». En ĉi tiu lasta revuo post la menciita numero sur kiu estis publikita letero de la sendinto de la slipoj, D-ro Fiol, el Sevilla, aperis la 31.ª de Aŭgusto alia letero de S-no S. Chaler, kiu kompletigis informojn, pri esperanto, de la antaŭa.

—Jurnalo «Región» (11-10-61) kun artikolo pri Esperanto.

—Eltranĉaĵo el la ĵurnalo «Libertad», de Valladolid (15-XI-61), kun radioprogramo ; en ĝi ni legas : 16'15 : Curso de Esperanto». Gin sendis sam° M. Cantalapiedra.

—«El Noticiero» de Zaragoza (7-XI) raportas longe kaj laŭde pri la solena honorigo al Prof° M. Sancho Izquierdo, en Montpellier, laŭ raporto en ĉi tiu Bulteno. Sendis : S. I.

—«La Hoja del Lunes», de Oviedo (20-XI), raportas komunikaĵon de Mieres pri la malferno de kurso de Esperanto en Educación y Descanso. Gin sendis sam° C. Cienfuegos, el Mieres.

—Eltranĉaĵo el «La Región» (21-XI), de Oviedo, pri Esperanto kaj la kurso en Mieres. Sama sendinto.

—«La Voz de Asturias» (21-X), de Oviedo, pri la sama okazintaĵo. Sama sendinto.

---

Ni dankas ĉiuj sendintojn kaj petas al ĉiuj samideanoj ke ili bonvolu riĉigi ĉi tiun angulon de nia Bulteno per interesaj sendaĵoj.



# DIVERSAĴOJ



*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto du nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevas libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a Januaro.*

## *SOLVO DE LA ENIGMO NUM, 8*

HORIZONTALE

1, Padelu. Trinki. 2, Lanta. 3, Removu. Mastro. 5, Higieno. 6, Jesuo. Floro. 7 ,Narkoti. 8, Kupro. Cirko. 9, Rondiri. 10. Fondi. Razas. 11, Stomako. 13, Sturmu. Idiomo. 14, Oponi. 15, Oreloj. Sezono.

VERTIKALE

1, Parioj. Fresko. 2, Eburo. 3, Damnis. Nature. 5, Honoris. 6, Ululi. Truoj. 7, Geranio. 8, Knari. Modoj. 9, Erotika. 10, Tamen. Kriis. 11, Oficiro. 13, Natrio. Zigomo 14, Rekta. 15, Ironio. Salono.

## *ENIGMO NUM, 9*

***Krucvorta enigno de J. Devís***

*Malsupra figuro*




HORIZONTALE

1, Prep. montranta lokon, kiun io laŭiras k poste forlasas, pasante pli antaŭen. En neniu ajn tempo. 2, Havanta akran guston, kiel tiu de citrono. 3, Estas profite uzebla. Rilata al juna nobelo. 5, Lanugŝela manĝebla frukto de arbo el fam. pomacoj. 6, Subteni k firmigi objekton pere de alia Arkforma superokula hararo. 7, Sentas fortan agiton de la animo kontraŭ iu, kiu ofendas nin. 8, Speco de nukso, frukto de arbo el fam. kupulacoj. Triangula ladoplato kun tenilo, laborilo de masonistoj. 9, Daŭre doni al vivanta estaĵo la manĝaĵon necesan por daŭrigi la vivon. 10, Gardi k zorgi etulon, Filoj de filo. 11, Veraĵo evidenta per si mem. 13, Eraro de sentumoj, pro kiu ni rigardas falsajn ŝajnojn kiel realajn. Kun rapida spirita vigleco. 14, Surŝuti per pulvoro el parfumita amelo, uzata por tualeto. 15, Homo senigita je inteligenteco pro cerbaj difektoj. Esprimo de ies estra volo.

VERTIKALE

1, Malgracia, maleleganta pro troa dikeco. Iri por vidi iun hejme. 2, Malriĉa, Kompatinda. 3, Ĉiu el la eksteraj surflugiloj, kiuj kovras la alian, veran paron da flugiloj ĉe multaj insektoj. Ne konsenti ion petitan. 5, Rilata al granda longpieda migranta birdo, kiu, laŭ onidiro, portas la novnaskitojn. 6, Skrapi per speciala ilo. Membrana poŝo, kiun la birdoj havas sub gorĝo por reteni la nutraĵojn. 7, Plilarĝigis, plivastigis. 8, Sukera substanco ellaborata de la abeloj. Veg. kun grandaj ornamaj violaj floroj, al kies radiko oni faras bonodoran pudron. 9, En la Budaismo, stato de absoluta liberiĝo el vivo k morto, 10, Fiksi per pinta metala bastoneto. Kristo. 11, Persisto. 13, Malgranda vazo por kolora fluaĵo uzata por skribi. Forta ligna stango, malsupre pintigita, kiun oni starigas en teron. 14, Hundosimila flavruĝa rabobesto. 15, Malsaniga haladzo. Multekosta ornamaĵo.

## ALVOKOJ, CIRKULEROJ, k.t.p. el la esperantista mondo

Institucio «Esperanto ĉe la Instruado». Sekretario: A. M. D. Korff. Hengelalaan, 1027. DEN HAAG (Nederlando) petas helpon por Internacia Interŝanĝo de sonbendoj, de, kaj por infanoj, por radioprogramo de nederlanda radiostacio «AVRO», «Cirklo ĉirkaŭ la mondo».

---

Unuiĝo de Normandaj Esperantistoj alvokas ĉiujn esperantistojn por sendo de gratulpoŝtkarto al la ĵurnalo kiu aperigas po 180.000 ekzempleroj, kaj, sur kies paĝoj estas Esperanto-kurso.

Adreso: ESPERANTO, Junulara Rubriko. PARIS-NORMANDIE. ROUEN. (Seine Maritime) Francia. Noto: ĉiu sendinto ricevos respondon.

---

Iniciatantoj de la IL-MASINA TERMINARO petas kunlaboron. Skribu al S-ro Kenneth McLennan. 30, Lower King's Avenue, EXETER (Anglujo) aŭ al S-ro Edward M. Rosher. Tamalpais. Kingsley Green. SURREY (Anglujo).

---

Sveda Esperanto-Instituto informas pri altvalora prelegsemajno en Frostavallen (Svedujo) tuj post UEA-kongreso. Aliĝilojn kaj informojn petu al S-ro Jan Strönne. Amiralsgatan 36. MALMO (Svedujo).

---

Esperanto-Klubo de la Interamerika Universitato en San Germán, Puerto Rico, fondita antaŭ ses monatoj, unua klubo en Puerto Rico, deziras ricevi salutpoŝtkartojn. Sendu ilin amase.

---

**Moyá** (fino)

faris interesegan prelegon laŭ la indikita titolo. La grandnombra publiko, kiu multege interesiĝis pri la belegaj bildoj prezentitaj de la elstara preleganto, tre kore aplaŭdis lin je la fino de la parolado.

Akompanis la Prezidanton de UNUIGO ESPERANTISTA FRANCA —sro. Llech-Walter—, sro. Darío RODRIGUEZ el Madrid.

**DONATIVOS RECIBIDOS DESDE EL 26 DE JUNIO AL 31 DE AGOSTO DE 1961**

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 4.657 |
| F. Abella, Barcelona | 25 |
| F. Díez, Constantina | 25 |
| R. Albero, Burjasot | 10 |
| J. Anglada, Barcelona | 50 |
| J. Anglada, Barcelona | 50 |
| J. Ferrer, Barcelona | 20 |
| F. Pérez, Couvet (Suiza) | 40 |
| Esperanto - Klubo, Mislata (detallado en el número anterior) | 180 |
| R. Albero, Burjasot | 20 |
| N. Griera, Las Planas | 5 |
| F. Santacruz, Barcelona | 15 |
| W. P. Vathis, Madrid | 40 |
| J. M. Gutiérrez, Madrid | 10 |
| Total pesetas | 5.147 |

---

## Kompreneble...

Iam, sinjoro eniris kafejon, por trinki kafon. Li sidiĝis ĉetable, kaj demandis al la servisto:

—Kiom kostas tason da kafo?

—Kvar pesetojn, sinjoro respondis la servisto.

—Kaj kiom kostas tason da teo? denove demandis la kliento.

—Same kiel la kafo: kvar pesetojn.

—Do, alportu al mi tason da kafo.

Kiam la servisto alvenis kun la kafo, la viro diris:

—Ho! mi bedaŭras! Vere, mi intencis peti tason da teo. Ĉu vi povas ĝin ŝanĝi kontraŭ teo?

—Certe, sinjoro —diris la servisto—, kaj baldaŭ li revenis kun la petita teo.

—Kiam la viro finis trinki la teon, li leviĝis kaj ekeliris.

—Atendu momenton, sinjoro —diris la servisto—. Vi forgesas pagi tion kion vi trinkis.

La viro ŝajnis surprizita, kaj respondis iom kolere

—Tio estas sensencaĵo! Kial mi devas pagi la teon? Mi ŝanĝis tason da kafo kontraŭ taso da teo.

—Jes sinjoro, sed vi ne pagis la kafon.

—Sed, kial mi devas pagi kafon se mi ne trinkis ĝin? respondis li kolere.

Tiam, li, malrapide, eliris.

Sendis: ANTONIO BENÍTEZ

*Sta. Cruz de Tenerife*

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA

Depósito Legal V. 309-1959

# XXIII^A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

## VALLADOLID - 25 - 27 de Julio de 1962

ORGANIZA KOMITATO: Strato Ruiz Hernández, 12, 1.ª

SEKRETARIEJO: Strato Montero Calvo, 12, 3.ª - Teléfono 23196

---

## ALIĜILO

*S-r(rin)ª, fraŭlino* ................................................................................................, *kiu loĝas en*................................................., *provinco*.............................................., *strato aŭ placo* .........................................., *numero* ......................., *etaĝo* ....................., *membro de H. E. F., numero*..............................., *aliĝas al la XXIII.ª Hispana Kongreso de Esperanto, en Valladolid.*

*Ankaŭ aliĝas miaj:*

*Edz(in)o* .....................................................................................................

*Fil(in)oj* .....................................................................................................

...............................................................................................................

*Mi pensas alveni en Valladolid la (daton)*.................... *per fervojo, aŭtomobilo, aŭtobusa karavano (forstreku tion, kion vi ne bezonas), dum*................*tagoj. Por pagi la kotizojn mi sendas per* ...................................... *ptojn.* ..............

*Prezoj de loĝado, vidu dorse.*

---

## KONGRESKOTIZO

*(Ĝis la 30.ª de Aprilo)*

| | | |
|---|---|---|
| *Membro de H. E. F.* ................................ | *60* | *pesetojn* |
| *Edz(ino)o aŭ fil(in)o* ................................ | *30* | » |
| *Ne membroj de H. E. F.* ................................ | *70* | » |
| *Edz(in)o aŭ fil(in)o* ................................ | *40* | » |
| *Eksterlandanoj* ................................ | *30* | » |

*Post la 30.ª Aprilo la kotizo plialtiĝos 10 pesetojn*

---

EKSKURSO. — La Organiza Kongresa Komitato aranĝas allogan ekskurson por viziti la Nacian Arkivon en kastelo de Simancas, gravajn monumentojn en Tordesillas kaj Medina del Campo, kun ĝia fama Kastelo de la Mota.

La prezo por tiu ĉi ekskurso estos oportune fiksata.

BANKEDO.—Kiel kutine, okazos komuna frateca manĝado, kies prezo estos proksimune 125 pesetojn.

## GRAVAJ RIMARKOJ

Bonvolu sendi tiun ĉi aliĝilon al la Organiza Kongresa Komitato, strato Ruiz Hernández, 12, 1ª, aŭ al la Sekretario, S-ro Mariano Cantalapiedra, strato Montero Calvo, 12, 3ª, dekstre. Valladolid.

La monon por pagi la kongreskotizon oni devos sendi per Poŝta Ĝiro aŭ montransdonilo al la «Caja de Ahorros Popular», strato Regalado, 15, (ŝparkonto: Kongresa Organiza Komitato).

Cu vi partoprenos la bankedon? ....................

Cu vi partoprenos la ekskurson? ....................

La pagon de la ekskurso kaj por la bankedo oni faros en la Kongresejo tuj kiam la kongresontoj alvenos en Valladolid.

## PREZOJ DE LOĜEJOJ EN VALLADOLID

*La nunaj prezoj de loĝado en Valladolid estas:*

| | | |
|---|---|---|
| *Luksa hotelo, ĉambro kun manĝado* ................ | *240* | *ptojn.* |
| *Hotelo 1ª klaso A » » »* ................ | *185* | » |
| » *1ª » B » » »* ................ | *135* | » |
| » *2ª » » » »* ................ | *115* | » |
| » *3ª » » » »* ................ | *100* | » |
| *Luksa pensiono, ĉambro kun manĝado* ................ | *115* | *ptojn.* |
| *Pensiono 1ª klaso A » » »* ................ | *100* | » |
| » *2ª » » » »* ................ | *75* | » |
| » *3ª » » » »* ................ | *60* | » |

NOTO.—En tiuj ĉi prezoj oni mencias nur loĝado en eksteraj ĉambroj sen banejo, por unu persono. Ĉambroj por du personoj havas rabaton. Oni devas aldoni 15 % pro servo, krom la turisma imposto.